# Hispana Esperanto GAZETO

*Eis aqui se descobre a nobre Hespanha*
*Como cabeça alli da Europa toda.*
*De ĉi tie jen nobla Hispanujo*
*Kvazaŭ kapo de la tuta Eŭropo.*
(«Os Lusiadas». Kanto III^a, XVII.)
CAMOENS

**3a jaro JULIO 1933 N-ro 27**

OFICIALA ORGANO DE
HISPANA ESPERANTO ASOCIO
ORGANO OFICIAL DE LA
ASOCIACIÓN ESPERANTISTA ESPAÑOLA

*Redakcio kaj Administracio:*
SAGASTA, 10. - MADRID (HISPANUJO)
APARTADO DE CORREOS 1.089



TIPOGRAFIA CHULILLA Y ANGEL
Torrecilla del Leal, 17
Teléfono 71926

# ACTA DE LA JUNTA CENTRAL EJECUTIVA DE H. E. A.

En Madrid, a las 19 horas del día 12 de junio de 1933, en el domicilio social de la Asociación (Sagasta, 10 - Cruz Roja Española), se reunió la Junta Central Ejecutiva, con asistencia de los miembros expresados al margen.

Leída el acta del día 8 de mayo, fué aprobada.

Seguidamente se acuerda que no es posible facilitar a la Liga de Ferroviarios Esperantistas un ejemplar de la Revista para cada uno de los miembros que la forman, y que se le haga presente que la Liga podrá utilizar la composición de las dos páginas que se le conceden para publicación de cuantos asuntos le conciernen y editar el Boletín correspondiente con sólo el gasto de papel y tiraje.

Se da cuenta del feliz resultado de la Conferencia de Ginebra para llegar a la constitución de un frente único esperantista y neutral sobre la base de U. E. A., aprobándose la decisión de la Conferencia y expresando un gran contento por la realización de lo que era una aspiración ardientemente deseada por todos los esperantistas.

Se acuerda no aceptar la oferta de la «Dana Esperantista Asocio»; de una película de propaganda de Dinamarca, por no ser posible pagar las condiciones impuestas sin distraer fondos que tienen ya aplicación fijada para llenar las necesidades de nuestra Asociación.

Se acordó regalar a nuestro consocio D. Juan del Peso 100 ejemplares del folleto «¿Qué es el Esperanto?», para recompensar la activísima y fructífera propaganda que realiza y el gran número de ejemplares de dicho folleto vendidos por él.

Y no habiendo más asuntos de que tratar, se levantó la sesión a las veinte horas menos diecinueve minutos.

El Vicesecretario, *Jacinto Martín*.—V.° B.°: El Presidente, *Julio Mangada Rosenörn*.

Asistieron: El presidente, el tesorero D. Julián Sosa, que representaba al vicepresidente D. José Perogordo; el bibliotecario D. José Buzón y el vicesecretario.

# NEKROLOGAJ VORTOJ

La 22an de aprilo de 1933, mortis Emilio González Linera, vera artisto kompetenta kaj klera de la presarto; fervora pacamanto, vera homarano; nelacigebla batalanto kontraŭ ĉia tiraneco; inspirita ver-

kisto, kiu verkis multenombrajn moralajn rakontojn kaj kelkajn librojn por gvidi la infanojn kaj junulojn al plej supera homa stato; elpensinto de simpla kompostado por presi por la blinduloj, kiun li elpensis tirite de sia granda amo al la malfeliĉaj blinduloj.

Supera spirito, riĉa de grandanimeco, li mem verkis, kompostis presis kaj eldonis siajn verkojn, kiujn li abunde dissemis en Hispanujo kaj Hispan-Ameriko. Li ekstudis esperanton kaptite de la *interna ideo*, vidante ESPERANTON, efikega triumfilo de PACO, AMO kaj LABORO, sukcesonta efektivigilo de tutmonda popolo el fratoj; sed lia granda, peza kaj peniga laboro ne permesis al li posedi la lingvon, kvankam li posedis ĝian esencon, ĝian spiriton, kaj pro tio li ĉiam estis favora al esperanto: unue per la gazeto *Luz Española* («Hispana Lumo»), aperigante esperantajn tekstojn, favorante la unuajn eldonojn de mia hispana lernolibro kaj de la Helpanta Temaro de 1909 al 1914; je 1912, fondante kun S-ro. Fernando Redondo kaj mi la gazeton *Homaro*; je 1913, helpante la Majstron por eldoni lian «Politikan kaj Religian Deklaracion», pagante ankaŭ de sia poŝo milon da ekzempleroj; partoprenante, kun S-ro. Redondo kaj mi, por eldoni la verketon *La Deveno de la Homo*; favorante la duan eldonon de mia hispana lernolibro; je 1917, li fondis kun mi la «Zamenhofa'n Federacio'n» kaj ĝian oficialan organon *Hispana'n Esperantisto'n*, kiun li spertege, fervore, ameme, entuziasme eĉ sufiĉe sindoneme kompostadis kaj presadis dum kvin jaroj. Li ĉiam revis revivigi ĉi tiun gazeton kiu estis la plej bela kaj unu el plej interesaj de 1917 ĝis 1923. Esperanto ŝuldas al li multon en Hispanio! Sen li, oni ne estus povinta fari la grandan laboron, kiu estis poste la firma bazo por la nuna stato de esperanto en nia lando; tial Esperanto perdis per lia morto. Li ĉiam revis, dirante al mi multfoje: «vi tradukos mian libron «Ramiro» al esperanto, por ke ĝi estu efika al homoj de la tuta mondo».

Jen traduko de vortoj de lia grandanima filino, Ludovikino G. Linera Fernández, al la patro:

## «AL MIA PATRO

*Tre dankema al ĉiuj, kiuj partoprenas mian profundan doloron.*

Patro mia, mi volas oferi al vi floron, kiu simboligas vian vivon; kaj pro tio mi elektis blankan lotuson.

Ĉar la lotuso enpenetrigas siajn radikojn en la ŝlimon, kaj lia pure blanka korolo elstaras de sur la akva supraĵo de la lago por ricevi la

lumon de la suno, simboligante la malnoblan materion regatan de la hela spirita pureco; ĝi estas via vivo mem.

Via korpo estis envolvantaĵo de sindonema, memoferema, nobla spirito, neniam venkita de antaŭjuĝoj kaj malaltaj deziroj, celoj, egoismoj de materia kaj nedankema mondo.

Vi faris por ke la Lumo de la Scio heligus libere vian konsciencon, kaj la koto piedpremata de vi neniam eĉ makuletis vin.

Tial, mi vidas vian animon libera, feliĉa, pura tiel, kiel la blanka lotuso, kiun mi korproponas kaj spiritprezentas al vi; kaj tie, kaŝate en la amantema tero, via rompita koro, tute frakasita de ĉiama longa piedirado sur vojo banata de Lumo sed semita de dornoj.

Patro mia! Dum ĉi tiuj horoj de Senfina Paco, mi vin konsideras feliĉa, kaj vian spiriton ricevanta la trankvilecon kaj feliĉecon kaŭze de la devo plenumita!»

Karega neniam forgesota kunbatalinto kaj vere spirita frato, al vi ankaŭ mi volas animdoni tri florojn: *ruĝan dianton*, kiu simboligas la fajron de via koro al idealo, la AMON; *flavan sunfloron*, ĉar same, kiel la floro turniĝas por montradi sian grandan korolon al la suno, kiu vivigas ĝin, tute vi ĉiam vin montradis kaj sintenadis por esti plenbanata de la Lumo de la vivigantaj Scio kaj Saĝo, la flavan floron kvazaŭ bildon de la suno, kiu simboligas eternan LABORON; *violon*, ĉar ĝi estas tre humila kaj modesta malgraŭ siaj beleco kaj riĉa parfumo, pace disigita tra ĉie, kaj tute same, kiel ĉi tiu floro, estas via verkaro: PACO. Kaj la malgranda bukedo el la tri floroj estas simbolo pri via dumvive celata, sopirata idealo: AMO - LABORO - PACO.

JULIO MANGADA ROSENÖRN

## LA TRIBOVINA TRIBUTO

Ĉiujare, la 13an julion okazas en la Pirenea intermonto Hernaz kurioza akto, unika en Eŭropo, kies nomo estas la supra titolo kaj kiu koncernas al la ĉiama tributo farita kaj farota de la Valo Baretons — hodiaŭ apartenanta al la franca lando Bearne — al la vaska valo Erronkari (hispane Roncal) de la iam memstara regno Navarra, nun hispana provinco.

Gravaj historiistoj kaj literaturistoj de ambaŭ landoj verkis pri ĝi, kaj — kiel okazas en ĉiu antikva moro — oni povas certe fiksi nek daton, nek devenon, malgraŭ la klopodoj de la folkloristoj. Sendube

en la oficejoj de la koncernaj vilaĝoj oni posedis iam la protokolojn aŭ leĝajn dokumentojn; sed la vilaĝaj arĥivoj plurfoje brulis dum la pasintaj jarcentoj, kaj neniam bazon donas al ni Historio. Oni devas do ekzameni la diversajn hipotezojn konservataj per ĝia fratino Tradicio, pli duba, sed pli alloga ol Historio mem.

* * *

Same ol en ĉiu tradicia deveno — ekzample pri starigo de Romo — oni povas elekti raporton por ĉia gusto: Heroajn, privatan tragedion, komercan aferon.

Du malsamaj heroaj tradicioj ekzistas pri la tributo. Laŭ la unua, ĝi devenas el la Barbaraj almilitoj. Kiam la Kimbrioj aŭ Cimbroj, je la IIa jarcento antaŭ Kristo, almilitis Hispanujon, la Baretons'anoj gvidis ilin tra la montaro. La Erronkari'anoj venkis la barbarojn kaj kondamnis liajn helpintojn al ĉiama depago.

Dua epoca rakonto malfruigas la aferon je kelkaj jarcentoj. Ĝi prezentas la Baretons'anojn malsukcesintaj venĝantoj de la morto de Rolando.

Plej sanga, sed kun la sovaĝa aromo de pratempa tragedio estas la tria deveno, pri terura krimo. Erronkaria paŝtisto mortigis, pro pribestaj disputoj, Baretonsanon. La samvilaĝanoj de la mortinto eniris Erronkari—valon, surprize atakis la edzinon de la mortiginto, mortigis ŝin, tranĉis ŝian ventron kaj pendigis el arbo la nenaskitan idon. La Erronkarianoj, plenaj de kolero kaj venĝem,o almilitis Baretons'on, mortigis, bruligis kaj detruis, kaj nur revenis en sian valon post interkonsento pri la depago.

Kaj la proza deveno rekonas en la tributo nur kontrakton de najbaraj gentoj, permesante al la Baretonsanoj paŝti iliajn brutarojn sur la Erronkariaj herbejoj.

La leganto povas, laŭ sia gusto, elekti plej belan, plej artan aŭ plej verŝajnan hipotezon. Pro tio ni ne diskutu. Nun, la depago estas oficiale starigita — el la jaro 1856 — de la guberniestraroj de Hispanujo kaj de Francujo, tiel ke la franca Prefekto iafoje ne aprobis la budĝeton de Baretons (komunumo de Lanne) pro tio ke ĝi ne enkalkulis la sumon por la aĉeto de la bovinoj.

* * *

Belega estas la scenejo: la montaro apartenas al la nomataj Okcidentaj Pireneoj, sed jam proksima al la komenco de la meza parto aŭ Altaj Pireneoj. Intermonto Hernaz estas ja 1.800 metroj super marnivelo alta; apud ĝi staras altegaj pintoj: Antularra (france Anié), 2.504 m.; Arlas, 2.062 metroj, pri kiu oni diskutas ĉu ĝi apartenas al Hispanujo ĉu al Francujo, kaj la «Tablo de la Tri reĝoj» (2.280

metroj) tiel nomata ĉar ĝi staras en la angulo mem de tri landoj: Aragon', Navarra kaj Francujo, tiel ke foje, laŭ tradicio, la tri iamaj reĝoj kune manĝis kaj interparolis, restante ĉiu en sia regno.

Apud nigrega kavo, timiganta, kiel infera pordo, staras la Sankta Martin — ŝtono, sur kiu okazas la ceremonio.

La Erronkariaj viroj surmetas tipajn vestojn, mallonga kalsono; ilia prezidanto *ongarina*'on, sorto de jako en nigra drapo borderita per helkolora rubando, kun larĝa blanka kolumo. La Baretonsa *boina*'on kaj kitelon. Ankaŭ ĉeestas taĉmento de hispanaj doganistoj kaj geturistoj, ĉiujare pli multnombraj, malgraŭ la granda distanco — 20'5 km. el Isaba, el kiuj 15 km. nur piede aŭ ĉevale alireblaj.

Ĉefan rolon ludas la vilaĝestro de Isaba (ĉefloko de Erronkarivalo) kiun oni nomas «la Prezidanto».

Jen la ordo, laŭ kiu tra jarcentoj kaj generacioj, la ceremonio okazas: Unue, la Prezidanto diras:

—Sinjoroj, ĉiuj al sia lando.

La tri francaj Baretonsaj vilaĝestroj tuj vicestaras kaj cetera publiko viciĝas post la Erronkariaj; meze aperas la ŝtono.

Trifoje la Prezidanto laŭte demandas:

—Francoj, ĉu vi venas pretaj liveri la tri bovinojn?

Kaj trifoje la Baretonsanoj respondas:

—Jes, sinjoro.

Tiam, laŭ gesto de la Prezidanto, Barentosano antaŭeniras kaj metas sian manon sur la ŝtono, sur tiu mano metas Erronkariano la sian; supre, alia Baretonsano; supre, alia Erronkariano, kaj tiel, alterne, ĉiuj reprezentantoj. Lasta etaĝo de tia vera manturo estas mano de Isaba vilaĝestro, tiu diras tri foje, kaj trifoje la francoj respondas:

—Pax avant! (Paco antaŭen!)

Ni rimarku ke la parolo estas ankaŭ internacia. *Pax* estas nek vaska, nek hispana, nek Bearna, nek franca; sed latina vorto. Avant ja estas vorto franca.

Oni demetas la manojn; kaj la Baretonsanoj prezentas brutaron, el kiu la Erronkaria veterinaro elektas la tri bovinojn «samfelajn, samdentajn kaj samkornajn».

Tia estas ĉefa ceremonio; sed, ĉar estas, sur la montoj, paŝtejoj kaj herbejoj komunaj por Hispanoj kaj Francoj, oni elektas kvar gardistojn, du po nacio kiuj tuj ĵuras sian devon. Kaj la reprezentantoj iĝas Tribunalo, prezidata de la Isaba vilaĝestro, por aŭdi la plendojn pri la paŝtistaj aferoj okazintaj dum la jaro. Ties ĵuĝo estas neapelaciebla.

* * *

Pasas jarcentoj: Navarra kaj Bearne estis memstaraj regnoj;

hodiaŭ ili estas membroj de potencaj Ŝtatoj. Kun tiuj-ĉi, ili trapasis militadojn, revoluciojn, diktatorojn; ili estis laŭtempe absolutaj monarĥioj, konstituciaj regnoj, Respublikoj... Sed, ĉu pace, ĉu dummilite, vivus la lando, ĉu tiuj-ĉi aŭ tiuj aliaj ŝtatestroj estrus iln, ĉiujare, la 13an julion, la Pireneaj Montoj reflektas la allogan parolon — atestanto del' pasinteco, heroldo de la estonteco:

—Pax avant! (Paco antaŭen!)

A. N. D.

## AL SEATTLE-AJ GESAMIDEANOJ KORE DEDICATA DE DANKA AŬTORO

*Verkita de V. V. Obrastsoff, Grande Prairie, Alberta, Canada, kiam li neatendite eksciis per la radio pri Esperanta agado en Seattle, Usono.*

La frosto ekstere — la vento kaj neĝo — sed varme, komforte en ĉambro la mia
Ĉe fajro mi sidas, fumante en seĝo, kaj distre aŭskultas al voĉo radia.

Muziko, rakontoj, reklamo senĉesa. Mi preskaŭ dormetas. Sed de la aero
Jen sono envenas, — la sono karesa, — Ĉu sonĝo? Ho ne! Tio estas «Espero».

De jaroj, multjaroj, la sono simila ne tuŝis orelon al mi vagabondo;
Kaj nun sur flugiloj de l' vento facila, al mi ĝin alportas petole la ondo.

Dum sonoj solenas, dorlotas kaj kreskas, elŝtelas sin larmo de mia okulo.
La bildoj de l' tempoj pasintaj sin freskas tra la malproksima, malklara nebulo.

Nebulo ruliĝas. Elŝvelas konturo. Ekkaptas min tremo kaj — gutas la larmo.
Vizaĝoj amitaj! Obtuza murmuro de voĉ' karesanta kun amo kaj varmo.

Ho jaroj pasintaj de mia vivado! Renkontoj amikaj kun nia
«anaro»;
Konstante fervora, brulanta agado; la tempo de l' vorto, la
tempo de l' faro;

La tempo de l' amo kaj brakoj plektitaj en pura kareso de l'
aĝ' idealo;
La vortoj de revo, neniam diritaj, kaj tremo de roso sur
roza petalo...

Renkontoj, adiaŭoj; novaj renkontoj; la marŝo de vivo; la
vortoj diritaj;
Flamantaj pasioj; la halt' ĉe la pontoj; la fumo, ruinoj
de l' pontoj brulitaj...

Milito — buĉado — malsato — sufero — amikoj perditaj
dum danco de l' Morto;
Forvelko de l' Majstro; ŝancel' de l' Afero; ho, haltu la
marŝo, malpeza, de l' Sorto!

Sed marŝas ĝi — kruda blindulo fatala — kun novaj suferoj
kaj sonoj militaj;
La suno sin kaŝas en nub' sang'-opala; la vivo, l' espero
kaj l' amo — rompitaj!

Ankoraŭ do paŝas la vivo kruela. La paco — ekzilo —
fremdlando — laboro —
La vivo ŝajnanta estado sencela — la noktoj de honto,
maldormo kaj ploro...

Tik-takas horloĝo de l' horoj forpason, kaj de kalendaro
forlasas monatoj.
Venenan, ĝis fundo, mi trinkis la tason de la sortobatoj,
sopiro, kompatoj!

---

Paŝonoj de l' tempo — tagiĝo — fermento. Pasint', — forgesata;
naskiĝo de l' Celo;
Kaj suno, denove, de la firmamento parolas pri vivo, estonto
kaj belo.

La frosto ekstere kaj vintra vespero; sed varme, komforte
en ĉambro la mia
Ĉe fajro mi sidas, kaj ŝvebas «Espero», al mi alportita
per ondo radia.

# PRI LA BES-ADRESARO

Jen la poŝtkarto, kiun sendas al ni la eldonisto de ĉi tiu utila adresaro, pro kio la samideanoj de H. E. A. konstatos ke ĉi tiu ne estas kulpa, ĉar H. E. A. sendis sufiĉe ĝustatempe frue la aliĝojn kaj pagon per ĉeko, laŭ vidigas la poŝtkarto. Profitante ĉi okazon ni sciigas, ke en la BES-Adresaro aperos la 236 membroj de H. E. A. aĉetintaj je ĉi tiu jaro «Mia Poezio» kaj «La Kreitaj Profitoj».

Golŝtejn, 9.VII.33.

Al Hisp. E-Asocio, Madrid.

Tre est. s-ro vicsekretario!

La korespondaĵo pro mia forpermeso restis dum semajnoj nerespondita – pro tio pardonu kaj akceptu hodiaŭ mian gentilan senkulpigon kaj sciigon, ke mi bone ricevis la aliĝojn kaj la ĉekon kaj kore dankas por ambaŭ!

La nova adresaro ankoraŭ ne povas esti presata pro malgranda nombro de pagitaj aliĝoj, ĉar ĝi aperos vintre 1933.

Ĉiujn aliĝojn mi registros kaj sendos al vi ĝustatempe por kontrolo!

Respektplene kaj samideane

BES POTSDAM

P.S. Ĉu vi konas la adreson de s-ro J. Mangada Rosenörn? Mi bezonus skribi al li!

B

# Xª Kongreso de Hispana Esperanto-Asocio

**Santander, 20-24 Aŭgusto 1933**

## LISTO DE ALIĜINTOJ

*(Daŭrigo)*

N-ro 34. Grupo Esperantista de Baracaldo.
» 35. S-ro. Francisco Gorgues Torredeflot, Barcelona.
» 36. » José Anglada, Barcelona.
» 37. » Samuel Roca, Barcelona.
» 38. » Venancio Girao, Santander.
» 39. » Francisco Vilá, Barcelona.
» 40. » Hipólito S. Luengo, Orense.
» 41. » Gustave A. E. Richard, Amberes.
» 42. S-ino. Alice C. Richard, Amberes.
» 43. F-ino. Simonne Richard, Amberes.
» 44. S-ro. Antonio Santamarina Pedrayo, Madrid.
» 45. » Luis Santamarina Pedrayo, Murcia.
» 46. » Carlos Martínez, Sevilla.
» 47. » Félix Fernández Pagola, Cercedilla.
» 48. » Eleuterio Merino, Santander.
» 49. » Ildefonso San Emeterio, Santander.
» 50. » Serafín Diego, Santander.
» 51. Grupo Esperantista de Cádiz.
» 52. S-ro. Francisco García Merchán, Cádiz.
» 53. » Vicente Perles Moncho, Aguarón (Zaragoza).
» 54. » Angel Gómez Ibáñez, Aguarón (Zaragoza).
» 55. » Luis Villa, Santander.
» 56. » Jacinto Martín Lozano, Madrid.
» 57. » Zacarías Calero, Madrid.
» 58. » Justo Están Canales, Bèziers (Francia).
» 59. » Francisco Azorín, Córdoba.
» 60. » José Buzón, Madrid.
» 61. » David Martín Lozano, Madrid.
» 62. » Vicente Alfonso Quilis, Madrid.
» 63. » Feliciano Cuartero, Madrid.
» 64. » Augusto Amillo, Madrid.
» 65. » Juan José Zornoza, Madrid.

Kiu sekvos? Faciligu nian laboron per via tuja aliĝo!

Ĉiu aliĝinto ricevos, krom la rabato 33% de la fervoja bileto por

ĉiuj fervojoj hispanaj, belan riĉe ilustritan libron pri Santander, kaj artecan memormedalon, kio superas la kvin pesetan kotizon.

Adreso: S-ro. A. Tomás Iglesias, Hernán Cortés, 8, Santander. La monon sendu per poŝtmandato.

---

*NOTA DE PRECIOS en hoteles, pensiones y casas de huéspedes de Santander, en donde se ha de celebrar el X Congreso de la Asociación Esperantista Española, del 20 al 24 de agosto de 1933.*

| | PENSION COMPLETA | |
|---|---|---|
| | Máximo | Mínimo |
| Hotel Royalty, Ribera y Blanca | 35,— | 18,— |
| Hotel México, Méndez Núñez | 25,— | 18,— |
| Hotel Ignacia, Celosía, 1 | 25,— | 15,— |
| Hotel Ubierna, Méndez Núñez, 12 | 18,— | 15,— |
| Hotel Victoria, Atarazanas, 5 | 20,— | 12,— |
| Hotel Maroño, Blanca | 20,— | 10,— |
| Hotel Palazuelos, San Francisco, 25 | 10,— | |
| Pensión La Provinciana, Blanca, 12 | 15,— | 10,— |
| Pensión Habana, Blanca, 1 y 3 | 12,— | 9,— |
| Pensión «El Calerón», San José, 18, 3.° | 10,— | 7,— |
| Pensión Julia Ruiz, Méndez Núñez, 8, 1.° | 12,— | 10,— |
| Pensión Asunción Ureta, Fernández Isla, letra B, 2.° izquierda | 12,— | 10,— |
| Pensión Saturnino Gómez, Fernández Isla, número 11, 5.° | 10,— | 9,— |
| Pensión Viuda de Pablo González, Pedrueca, número 7, 1.° | 9,— | 6,— |
| Pensión Angelita, Sardinero, Av. de Maura | 12,— | 10,— |

* * *

Adhiriéndose usted al X Congreso de la Sociedad Española de Esperanto, obtendrá las siguientes ventajas:

33 por 100 de rebaja en los billetes de ferrocarril, en todos los ferrocarriles españoles.

Recibirá un precioso libro de más de 125 páginas, referente a Santander y su provincia, ilustrado con más de 100 grabados, sobre magnífico papel couché, y una artística medalla conmemorativa del Congreso. TODO POR LA CUOTA DE CINCO PESETAS.

PROGRAMA.—Solemne sesión de apertura.—Descubrimiento de la lápida que dará nombre a la calle del Dr. Zamenhof.—Función de propaganda y concierto. — Excursión por la bahía a la Isla de

Pedrosa.—Excursión a la arcaica villa Santillana del Mar, con visita a las famosísimas cavernas prehistóricas de Altamira (pinturas rupestres que datan de 15.000 ó 20.000 años).—Visita de curiosidades locales.—Sesiones de trabajo.

Dirección: Don Tomás Iglesias, Hernán Cortés, 8, Santander. La cuota se puede enviar por giro postal.

## ANKORAŬ PLIAJ ARGUMENTOJ FIRMAJ

Laŭ la *Bilanco* aperinta en «Progreso Esperantista», kaj jam aludita en ĉi tiu gazeto, la Hispana Esperantista Konfederacio enspezis pro kotizoj de membroj, laŭ ni jam diris, DUCENT UNU PESETOJN OKDEK CENTIMOJN por 1932, kaŭze de 357 membroj, alkalkulinte al Orienthispana Esp.-Federacio OKDEK TRI MEMBROJN pro la sumo pagita kaj kotizo difinita de la regularo (0'60 ĉiujare), kaj tial ke la *Bilanco* ne diras la nombron da membroj; sed en la *Jarlibro* de U. E. A. por 1933, aperas la Hispana Esperantista Konfederacio kun KVARCENT KVINDEK KVIN MEMBROJ, *kaj tial la enspezoj pro kotizoj devis esti por* 1932 DUCENT KVARDEK NAŬ PESETOJN. JEN, DO, ALIA PRUVO PRI LA VERECO KAJ REGULECO EN KIU VIVAS TIUJ, KIUJ CENZURAS H. E.A.-N, OPINIANTE KE ĈI TIU NE AGAS LEĜE KAJ JUSTE. KIU NE DIRAS LA VERON, ĈU LA BILANCO, ĈU LA JARLIBRO, ĈU AMBAŬ? PRI LA VERO ĈE H. E. A. KLARE DIRAS LA LISTO EL ALIĜINTOJ AL U. F. E., PER KIU JE LA MOMENTO DE LA UNUIĜO DE U. F. E. KAJ U. E. A., ĈI TIU KONSTATOS LA MEMBRARON EFEKTIVAN DE ĈIU ORGANIZAĴO, ANKAŬ LA HISPANA SAMIDEANARO KONSTATOS LA MEMBRARON DE H. E. A. ĈAR ĈI GAZETO APERIGOS LA LISTON KAJ ADRESOJN.

JULIO MANGADA ROSENÖRN

## ENLANDA KRONIKO

*Cheste* (Valencia).—La urbestro de ĉi tiu esperantema urbeto estas tre entuziasma membro de la esperantistaro, kvankam li pro specialaj cirkonstancoj ne parolas esperanton; tamen devas de sia posteno vidigi praktike sian fervoron al nia afero, kaj ni instigas lin al tio, ĉar esperanto havas grandan kulturan rolon kaj per ĝi la *ĉestidoj* kaj *ĉestanoj* efektivigadas gravajn ekskursojn. La samiedanoj de Cheste sub gvi-

dado de nia pioniro Francisco Máñez faros ekskurson al Baleara Insularo je la lastaj tagoj de ĉi monato aŭ unuaj de aŭgusto. Tial la urbestro de Cheste, S-ro. Rafael Vidal konstatos alian fojon la utilon de esperanto, kaj certe li helpos la movadon en la urbo.

*Madrid.*—Profitante ke la Militista Klubo eldonis la ĵusan paroladon de S-ro. Mangada, kaj ke ĝi donacis al la parolinto naŭcent ekzemplerojn, ĉi tiu ilin donacis siavice al H. E. A., kaj ĉi tiu sin turnis al ĉiuj parlamentanoj per letero akompanata de ekzemplero de la parolado kaj de la broŝuro «¿Qué es el esperanto?», petante ke la parlamentanoj helpu morale kaj efike agu por trafi la enkondukon de esperanto en la lernejojn. Samtempe, ĉar DEK UNU geinstruistoj, rezulte de la kurso, iros al Kongreso en Kolnjo, H. E. A. petis de la Ministro de Publika Instruado, ke li nomu spertan oficialan gvidanton el la Geinstruistaro por la geinstruistoj spertontaj, proponante por tiu posteno S-ron. Domingo Barnés, tre sperta kaj kompetenta aŭtoritatulo pri instruado kaj edukado, eksvicministro de P. I., kiu bone scias pri nia movado kaj pri utilo de esperanto.

*Zaragoza.*—Zaragoza Esperantista kun la Laborista Grupo ĵus eldonis 100.000 markojn kontraŭ la milito kaj favore al esperanto en kvar koloroj kun belaj interesaj ok bildoj. Oni liveras la milon po UNU PESETO. La markoj estas en diversaj lingvoj: esperantistaj kaj ne esperantistaj rondoj devas mendi ilin. Ambaŭ grupoj konstruis 40 boatetojn, kiuj navigaciis tra la Imperia Kanalo ĝis Tudela kaj revenis al Zaragozo tra la rivero Ebro. La boatetoj vidigas la kvinpintan verdan stelon. La ekskurso faris gravan propagandon, kiu daŭradas ĉar la boatetoj flosadas en la rivero.

---

## EKSTERLANDA KRONIKO

### FRANCUJO

*Radio-turisma servo.*—Dank' al la klopodoj de S. F. P. E., kaj la afableco de S-roj. Ministroj pri P. T. T. kaj pri Turismo, la delegitoj en Francujo estos de nun la perantoj inter la Sindikatoj pri Iniciativoj kaj la esperantista mondo. De la 28an de majo, ni ĝuos ĉiusabate de 15 h. 15 ĝis h. 30, la radio-stacion Tour Eiffel. Per tiu radio-stacio, ni dissendos en esperanto, turismajn paroladojn verkotajn de niaj delegitoj kun la helpo de la grupoj. Tio estos nova pruvo de la necesa kunagado de la propaganda, instruada kaj praktika servadoj.

Ekz.—La delegito petas de la Sindikato pri Iniciativoj la tekston

=propagando; la lernantoj de daŭriga kurso tradukas la tekston esperante=utila instruado; la S. F. P. E. dissendas la tekston per radio=praktika servado.

*Internacia koresponda servo por geinstruistoj kaj gelernantoj.*—Post la decidoj de la Kongresoj de la Instruistoj en Clermont-Ferrand kaj Bordeaux, favoraj al Esperanto, kaj dank' al la efikaj klopodoj de niaj propagandistoj, esperanto estas iom post iom enkondukata en la lernejojn. Ŝajnas al ni ke la delegitoj en Francujo devas fari taŭgan servon al la instruistoj kaj lernantoj kiuj lernas esperanton. Tiucele oni starigis novan servon: Ĉiumonate, la delegito diros al la konstanta sekretario de S. F. P. E. liston de instruistoj kaj lernantoj, kiu deziras korespondi alilande laŭ sekvanta maniero:

1e) *Instruistoj.*—1. Nomo (antaŭ kaj patronomo). 2. Profesio (en kia speco de lernejo la instruisto instruas?). 3. Aĝo. 4. Loko: a) strato aŭ domo; b) urbo aŭ vilaĝo; c) provinco aŭ lando; ĉ) regno. 5. Deziras korespondi kun?. 6. Deziras korespondi pri?. 7. Specialaj deziroj.

2e) *Lernantoj.*—1. Lando kaj loko de la lernejo. 2. Speco de la lernejo. 3. Kiom da lernant(in)oj deziras korespondi?. 4. Aĝo de la lernant(in)oj?. 5. Ili deziras korespondi kun. 6. Ili deziras korespondi pri?. 7. Nomo kaj adreso de la peranto kiu aranĝos la korespondadoaferon.

La Sekretarioj de la Federacioj ricevos ĉiumonate listojn de instruistoj kaj lernantoj kiuj deziras korespondi. Tiuj listoj estos je la dispono de la delegitoj.

La tuta aranĝo estas gvidata de la S. F. P. E. kun la helpo de la Internacia Lerneja korespondado-oficejo de la Ministrejo pri Nacia Edukado en Parizo kaj de la Internacia Koresponda Oficejo por geinstruistoj kaj gelernantoj en Berlino.

*Ekspozicio.*—Ni forte konsilas al la delegitoj organizi ĉiujare en fenestra montrejo de komercisto, en la urbo, ekspozicion de la dokumentoj kiujn ili ricevas. Kompreneble, la grupo devas helpi al tiu organizo, laŭ bontrovo.

## JUGOSLAVIO

La sekretario de la Jugoslavia Esperanto Ligo sin turnis al nia Asocio per la jena poŝtkarto: «Vian leteron de la 16ª de majo ni ricevis. Ni sciigis ĝian enhavon al la instruista sekcio landa kaj samtempe ni gratulis al via ministerio por publika instruado pro la helpo donita al vi. Kun samideana saluto.»

Hispana Esperanto-Asocio multe dankus se ĉiuj Esper-Asocioj de

la Mondo imitus la Jugoslavian Esp.-Ligon, ĉar tiamaniere nia ministro de Publika Instruada konstatus plej evidente la staton de la movado kaj ĉi tio rezultigus pli grandan helpon por la bono de Esperanto en Hispanujo.

## PRI VOJAĜO AL KOLONJO

Interesitoj, kongresanoj devos tuj aliĝi kaj sendi la kongreskotizon al la Loka Kongres-Komitato (Trajanstrasse, 25 - *Köln* - Germanujo). La kotizo estas 25 germanaj markoj, de la 5 de julio.

Kiam ĉiu havu la Kongreskarton, ĉiu sin turnu al Turisma servo de la Societo Franca por Propagando de Esperanto

GLOBE - TROTTER
75, Boulevard Saint-Germain. PARIS 6e,

sendante la numeron de la Kongreskarto, antaŭnomon, nomojn kaj adreson, kaj ankaŭ sendu samtempe, kiel garantion, CENT KVINDEK francajn frankojn (Cte. Ct. Postal Paris 1719-06 Paris aŭ al Crédit Lyonnais, Agence U, 20, Boulevard Saint-Michel, Cte. D 28588). La ceteron por la tuta kosto de la vojaĝo oni devos sendi nepre antaŭ la 24 de julio. La personoj kiuj aliĝos post la 20ª de julio devos pagi 10% plie por la diversaj aranĝoj sed la rabatoj por la fervojoj jam ne estos garantiataj. Atentu bone, ke oni bezonas koni la numeron de la Kongreskarto, antaŭnomon, nomojn kaj adreson por ke la fervojaj Kompanioj liveru karton por trafi la rabaton, kiu estos 45%.

Petu esperantan folion pri la Karavano al Hispana Esperanto-Asocio, kiu diras definitive pri prezoj.

Atentu bone la pasporton kiu postulas vizon de la germana konsulo.

Ĉiu aliĝinta hispano al Universala Kongreso en Kolonjo bonvolu diri klare la numeron de sia Kongreskarto, siajn antaŭnomon, nomojn kaj adreson, por liveri al li la karton por atingi la fervojan rabaton de la hispanaj fervojaj Kompanioj.

## TERMINOLOGIO DE LA ARKITEKTURO
### de FRANCISCO AZORIN

## ANGLUJO

Laŭ «The British Esperantist» diras pri la XXIV<sup>a</sup> Kongreso de la Brita Esp.-Asocio rezultas, ke nun esperanto estas instruata en 27 lernejoj, en 14 popollernejoj (8 oficiale, 6 neoficiale) ol 655 lernantoj (454 knaboj, 201 knabinoj), kaj en 13 altgradaj lernejoj (8 oficiale, 5 neoficiale) al 161 knaboj kaj 190 knabinoj.



## GAZETOJ ĈIUJ KAJ SAMIDEANOJ, ATENTU:

Gazetoj estas petataj interŝanĝi po DUOBLA EKZEMPLERO, ĉar multaj sendas nur UNUN; ĉiuj estas petataj ADRESI ĈION AL APARTADO (POSTFAKO) 1.089. MADRID